



# juna amiko


INTERNACIA ESPERANTO-REVUO DE ILEI
POR LERNEJANOJ KAJ KOMENCANTOJ

MARTO 1998

N-ro 1 (84)

**Pri la lingv'aĵo kaj ortografio[1] de**

## juna amiko

Sen pied'notoj ni uzas nur la plej oftajn 1237 vort'radikojn. Tiu ĉi vort-ar'eto: ***Esperanto, Minimum szótár*** aperis en 1995, kaj estas aĉet-ebla ĉe la libro-servo de UEA kaj HEA.

**Krom-signoj**, kiuj helpas komenc'antojn.

**Divido-streko(-)** trov'iĝas inter la elementoj de vort'kun-metoj, kiam ne mankas fin'aĵo, ekzemple: tablo-tuko, el-iri ...

**Vertikala strek'eto (')** signas mankon de fin-aĵo: bild'karto, verd'iĝi ...

Kiam io helpas la re-konon, kiel ekzemple: tuttaga (tt) aŭ la vorto re-venas en la sama artikolo aŭ kiam la vorto estas tre kon'ata jam por komencanto (esperantisto, patrino ...) ni ne uzas kromsignojn.

Vi ofte trovas komojn (,). Ankaŭ per tio ni deziras helpi komencantojn.

1. regul'aro de la ĝusta skribo

☺

***Sur la titol'paĝo: Mi sonĝas pri paco, desegnaĵo de 12-jara Naja el Jugoslavio. Bildkarto de UNICEF***

# *Mi tut'kore salutas vin,*

*aparte, se vi estas nia nova leg'anto, kiu la unuan fojon tenas en la mano ĉi tiun gazeton. Mi kaj ĉiuj miaj amikoj en la redakcio[1] laboras por helpi vian pluan progreson en Esperanto. Ni faras ĉion eblan por doni al vi interesan materialon kiel eble varian[2] laŭ temo kaj lingv'aĵo.*

*Malgraŭ tio, tamen povas okazi, ke ne ĉiuj artikoloj estas laŭ via gusto. Ne forgesu, ke gustoj forte diferencas, ni petas, do, toler'emon. Jes, jes, **toleremon**, ĉar ĝi estas aŭ devus esti la plej grava vorto ĉe esperantistoj. Inter ni, pli ol ie ajn, trov-iĝas homoj kun plej diversaj ideoj kaj ni devas pruvi ke ni povas kun-vivi en paco kaj harmonio[3], ĉar la est'ont'eco de la homaro de-pendas de tia mond'koncepto[4].*

*Tio ne signifas, ke vi devas ĉion pacience toleri. Ni denove petas vin, kiel jam plur'foje, ke vi tuj re-agu, se io ne estas laŭ via konvinko[5], re-agu kaj petu ion ajn, se estas ebl'eco aŭ sufiĉa loko, ni nepre konsideros vian deziron. Provu nin! Sed ĉe la dis-volv'ado de via opinio ne forgesu, ke ekzistas homoj kun aliaj konvinkoj, kiuj povas esti same ĝustaj, aŭ kiujn estas malfacile ali'formi. Kaj ni disponas, kiel cetere la tuta mondo devus disponi, nur pri unu rimedo: **a m o** al la hom'fratoj.*

*Geza Kurucz*
*redaktoro*

1. tiuj, kiuj faras gazeton / 2. mult'speca / 3. paca, kun-helpa stato / 4. ide'aro / 5. firma opinio.

*En la unuaj du artikoloj ni parolis pri* ***demokratio*** *(1) kaj* ***trans-nacia edukado*** *(2) de nia* ***Manifesto***[1]*. Daŭrig'ante la temon, ĉi-foje, ni prezentas al vi alian gravan problemon, tiun de la fremd'lingva instru'ado.*

# MANIFESTO de la ESPERANTO-MOVADO

**PRAGO, JULIO 1996**

## 3. PEDAGOGIA[2] EFIK'ECO

*(Originala teksto sur la apuda nigra fono[3])*

Ĉiu-jare milionoj da geknaboj kaj plen-kresk'uloj komencas studi fremdajn lingvojn, precipe tiujn de mondaj lingvoj (angla, franca, hispana, araba, germana, rusa... ), sed nur tre mal-multaj (eble 10-ono?) finas siajn studojn kun kontent'iga, praktike valora lingvo-scio. Se vi prenas en konsideron, kiom da miliardoj estas el-ĵet'ataj, ĉiu-jare, por mal-fermi nur unu-solan fenestron (ja ekzistas ĉirkaŭ 3000 lingvoj) al la mondo, vi tuj ri-markas, ke oni malfacile povas imagi malpli efikan invest'adon[4].

Dank' al la simpla kaj klara strukturo[5] de Esperanto (multe pli facila ol kiu ajn el la etnaj[6] lingvoj) post unu aŭ du jaroj ĉiu infano komprenas la meĥanismon[7] de la homa komunik'ado. Multaj homoj dankas al Esper-anto pro tio, ke ili, fine, vidas klare la struk-turon de la pens'ado kaj tiun de lingvoj. Es-peranto estas ideala[8] stud'objekto, kiu ins-truas pri logiko[9] kaj kostas por la ŝtato ĉirkaŭ la kvar-onon kompare al la ceteraj lingvoj. Ĝi estas lern'ebla de ĉiu mense sana homo.

Nur malgranda procent'aĵo[10] el tiuj, kiuj studas fremdan lingvon, ek-mastras ĝin. Plena posedo de Esperanto eblas eĉ per mem-stud'ado. Diversaj studoj raportis[11] propedeŭtikajn[12] efikojn al la lern'ado de aliaj lingvoj. Oni ankaŭ rekomendas Esperanton kiel kernan[13] eron en kursoj por la lingva konsciigo de lernantoj.

Ni asertas[14] ke la malfacileco de la etnaj lingvoj ĉiam prezentos obstaklon[15] por multaj lernantoj, kiuj tamen profitus[16] el la scio de dua lingvo. Ni estas movado por efika lingvo-instruado.

*1. esenca verko por la publiko / 2. pedagogio: arto instrui kaj eduki / 3.mal-antaŭ-aĵo / 4. en-meti monon aŭ energion por poste tiri profiton / 5. kun-meto, aranĝo de elementoj, partoj / 6. etno: hom'grupo kun samaj lingvo, historio kaj kulturo / 7. sistemoj, kiuj kun-efikas por certa celo / 8. sen-dube taŭga / 9. scienco pri la pens'ado / 10. procento: % / 11. doni sciigon, informojn al iu / 12. antaŭ-prepara / 13. ĉi tie: la plej grava / 14. eldiri ion sen duboj / 15. mal-help'aĵo, baro / 16. el-tiri utilon, gajnon.*

# Valoro de rid'eto



*Por rideto oni el-spezas nenion kaj en-spezas multon. Ĝi riĉ'igas la ricev'anton kaj ne faras almoz'ulo la don'anton.*

*Ĝi daŭras nur momenton, sed memoro pri ĝi, kelk'foje, restas por eterne.*

*Neniu estas tiel riĉa, ke li povus vivi sen ĝi, kaj neniu estas tiel malriĉa, ke li ne fariĝus pli riĉa per ĝi.*

*Ĝi firm'igas bon'volon en negoco*[2]*, est'igas feliĉon en la familio kaj ie ajn ĝi estas certa signo de amik'eco.*

*Ĝi estas ripozo por lac'iĝ'into, sun'varmo por fido-perd'into, lumo por mal-gaj'ulo kaj la plej efika kurac'ilo de la naturo kontraŭ zorgoj. Ĉe neniu ĝi estas konsider'ata kiel sur-tera hav'aĵo: oni povas ĝin nek aĉeti, nek akiri, nek prunti aŭ ŝteli — oni povas ĝin nur donaci. Kiam iu estas jam tro laca por rideti, estu almenaŭ vi, kiu rigardas al li kun rideto.*

*Neniu bezonas rideton pli ol tiu, kiu ne plu povas rideti. Se vi volas iĝi am'ata: RIDETU!*

*D.Carnegie*, trad.: *Silvia Hegedűs*

1. homo kiu pro mal-riĉ'eco petas mon'erojn de preter-pas'antoj / 2. komerca kontakto.

## KONKURSO POR LA TITOLO DE JUNA AMIKO

Ni lanĉas konkurson por 1998. En ĝi povas partopreni ĉiuj leg'antoj, ĉu junaj ĉu nejunaj, escepte la kun-labor'antojn de la revuo.

**Rakontisto** de Juna Amiko por rakonto ne pli longa ol 40 tajp'itaj linioj.

**Poeto** de Juna Amiko por poemo de maksimume 14 versoj.

**Tradukisto** de Juna Amiko por rakonto traduk'ita el originalo (maksimume 40 linioj).

**Desegnisto** de Juna Amiko por nigra-blanka desegnaĵo (formato A/4).

La konkurs'aĵoj atingu la redakcion (Juna Amiko, Hitel u.10.fszt.16, H-6000 Kecskemét, Hungario) ĝis la **1-a de septembro 1998**. La plej bonaj art'verkoj aperos en Juna Amiko (98/4) kaj la aŭtoroj ricevos kiel premion belan diplomon kaj sen-pagan abonon al Juna Amiko por 1999.

**El-provu vian talenton!**

**Dum tagoj katenis mian pensojn la konfeso de s-ro *J. SÁRKÖZI* (:Ŝaar-koezi). Poste, mi provis verse esperant'igi lian krudan, laŭ-vortan tradukon. Li konsentis pri la vers'igo. Mi opinias, ke per tiaj sinceraj konfesoj inter-proksim'iĝas popoloj, kion ni arde deziras. *(Noto de la redaktoro)***

# Pensoj ĉe la nep'ino






Jen populara kant'eto, kiun la plej malgrandaj hungaraj infanoj ofte ripet'adas tuj post kiam ili ek-parolas. Mi opinias, ke kantas ĝin ne nur hungaroj. Aŭskultu ĝin:

*„Ciko, ciko, cikoni',*
*Kial sangas via krur'?"*
*„Turka knabo vundis ĝin,*
*Kaj hungara flegas min*
*Per fajfil', tambur', kan'muzikilo."*

Kiam mi volis instrui tiun ĉi kanton al la nepin'eto, mi ek-meditis: Turkoj estis malamikoj de Hungaroj antaŭ 300 jaroj. Kial oni trans-plantas malamikan senton kontraŭ ili en malgrandajn infanojn? Kaj, ĝenerale, kial oni trans-plantas malamikajn, mal-amajn sentojn en infanojn kontraŭ aliaj nacioj? Ĉu laŭ iuj homoj tio estas eduk'ado al patriotismo?

Mi modifis, do, la koncernajn versojn de la kanto jene:

**Fia knabo vundis ĝin,**
**Bona knabo flegas min ...**

Ĉu la kanto ne pli bele sonas tiel? Kiel vi opinias?

*János SÁRKÖZI*

*En 1997 okazis jam la 11-a ekspedicio laŭ la ukrainia rivero Dnestro. La 1-a okazis en la jaro 1986 kaj organizis[2] ĝin esperantistoj el urboj Lvov kaj Ternopol helpe de ge-samide'anoj el Rigo, Moskvo, Odeso... Poste komencis ĝin organizi Fonduso[3] "Natura Heredaĵo[4]" el Odeso sub la gvido de biologo[5] Ivan RUSEV.*

# EKSPEDICIO[1] „DNESTRO-97"

Oni okaz'igas tiujn ekspediciojn por ke geknaboj 10 ĝis 16-jaraj konu la mondon de la sovaĝa[6] naturo, lernu ami kaj protekti ĝin.

Ĉio estis bonega en nia ekspedicio!

En boatoj[7] ni ekskursis al lagoj plen'kovr'itaj de belaj blankaj akvolilioj[8]. Laŭ-voje sur la rivero ni vidis multajn rarajn[9] birdojn kiel ekzemple brunan ibison[10]. Tiu mistera nigra birdo kun serpo-forma[11] beko estas parenco de la sanktaj ibisoj, kiujn iam oni adoris[12] en antikva[13] Egipto. Kutime ĝi nestas en densejoj, sed ni havis bon'ŝancon! Kiel vi memoras, en la pas'inta jaro ofte pluvis, la river'nivelo alt'iĝis kaj aroj da falcineloj[14] sin nutris sur la rivero mem.

Tie loĝas ankaŭ multaj ranoj, kiujn manĝas ardeoj[15]. Ankaŭ ardeoj abundas: grandaj kaj malgrandaj ardeoj, blankaj, bluaj, flavaj, rufaj[16]... nu, plena ĉiel'arko da koloroj!

Krom ni en la ekspedicio partoprenis pentr'istoj. De mateno ĝis vespero ili pentris la riveron, florojn, birdojn. Ilian ekspozicion[17] oni povis vidi en oktobro kaj tiam eĉ tiuj, kiuj ne vidis Dnestron per propraj okuloj, povis konstati kiel belega ĝi estas.

La river'fluo estas terure rapida. Kaj ni remis[18] per ... fosiloj, ĉar veraj rem'iloj ne sufiĉis por ĉiuj. Tio estis gaja afero! Kaj kiam ni devis re-veni el la lago al la rivero kontraŭ la fluo, ni simple el-iris el la boatoj kaj trenis[19] ilin post ni. La fluo ja estis rapidega, dum la profund'eco – ĝis la genuoj!

Ni dis-met'adis ankaŭ „araneajn[20]" (t.e. tre mal-dikajn) retojn por kapti birdojn. Ili implikiĝis[21] en la reto. Ni tre atente el-prenis kaj, ring-um'inte, liber'igis ilin. En kan'ejoj[22] loĝas kan'birdoj, kaj apud la akvo – alciono[23], tre bela blua birdo. Ni tenis ĝin en manoj.

En multaj ekskursoj ni kon'atiĝis kun lokaj plantoj, kun la ekologio[24] de la lokaj viv'uloj, ek-sciis pri hidrologio[25], radio-ekologio. Krom speciale natur'sciencajn, ni havis ankaŭ lecionojn de natur-kurac'isto. Kaj du lecionoj estis tute ne-ordinaraj: pentristoj instruis nin pentri kaj esperantistoj el la klubo "Verd'aĵo" instruis al ni ĉiuj Esperanton. Ni lernis francajn ludojn, ĉar

antaŭe kelkaj klub'anoj el nia „Verdaĵo" vizitis Francion (vidu: *Dank' al Esperanto* sur paĝo 18). La tuta tend'aro gaje ludis.

Nur unu tago estis terura, tiu de kuir'eja deĵor'ado[26]. Prezentu al vi, ni devis prepari manĝaĵon por 200 personoj! Ni deĵoris po-taĉmente[27], po 15-20 personoj, tamen vespere ĉiuj jam falis pro lac'eco. Sed multaj el ni ĝuste en la ekspedicio lernis sen-ŝel'igi ter'pomojn, prepari salatojn[28] ... . Kaj kiel agrable estas fieri, kiam oni petas al-donan porcion[29] el tiu manĝaĵo, kiun ĝuste mi preparis!

*Klubanoj de „Verdaĵo"*

*Nikolao* KURZENS

### *NE SUFIĈAS NUR VIVI*

***Halti sur vojo al alto***
***signifas – re'gliti.***
***Eviti l' destinon de l ' kreo –***
***mal-inda pere'.***

***Ni do plenu dum iro kaj veno***
***de l' firma kompreno:***
***ne sufiĉas nur vivi kaj vivi –***
***aktivi necesas!***



1. esplor'vojaĝo por mal-kaŝi ion mal-proksiman / 2. okaz'igi kun prepara laboro / 3. granda mon'sumo por iu celo / 4. heredi: ricevi propr'aĵon post mort'into / 5. specialisto pri vivaj est'aĵoj / 6. ne-tuŝ'ita / 7. ŝip'eto por 2-3 personoj / 8. speco de akvo-floro / 9. tre mal-ofte renkont'ata / 10. ibiso: akvo-birdo kun longa kurba beko, sen-plumaj kapo kaj kolo / 11. serpo: duon'cirkla falĉ'ilo / 12. honori kiel dion / 13. pra-tempa / 14. speco de ibiso / 15. granda akvobirdo kun longaj kruroj kolo kaj beko / 16. ruĝe flava / 17. el-meto de bildoj por la vido de la publiko / 18. movi boaton per taŭga ilo / 19. tiri post si ion pezan / 20. araneo: 8-pieda reto-fara best'eto / 21. kapt'iĝi per reto / 22. kano: alta akvo-planto kun longa rekta mal-peza trunk'eto / 23. akvobirdo kiu manĝas fiŝojn / 24. scienco pri naturprotekt'ado / 25. scienco pri akvoj / 26. plen'umi servojn dum difin'ita tempodaŭro / 27. taĉmento: grupo por komune plenumi iun servon / 28. miks'aĵo el distranĉ'ita(j) legomo(j) / 29. manĝo-kvanto por unu persono.

# Tendaraj tagoj

## Kajero du
**dua reviziita eldono**

### ☺ Ideala[3] lerno-libro

Jen estas ideala lerno-libro por infanoj de 10 ĝis 14-15 jaroj, sed mi estas konvink'ita[4] ke ĉiu, kiu estas super la cel'ita aĝo-grupo, ankaŭ povas ĝin uzi kun granda utilo kaj plezuro.

### ☺ Nova metodo[5] en nia instru'ado

Ŝajnas al mi, ke la aŭtoro[6], *Stefan MacGill* (:MekGil), antaŭa redaktoro[7] de *Juna Amiko,* nuna ag'ema kun-labor'anto, vere sur-tron'igas[8] novan metodon en la Esperanto-instru'ado. Tre povas esti, ke lia situaci'komunika[9] metodo far'iĝos mejlo-ŝtono[10] kiel sia-tempe la speciala rekta metodo de *A.Cseh* (:Ĉe). Ricev'inte la libron, mi, simple, ne povis de-meti ĝin, ĉar la situacioj kun majstraj ilustraĵoj[11] de *Pavel Rak* (nia grafikisto de longaj jardekoj), plenaj de humuro forte kaptas kaj ne lasas la atenton de ĉiu leg'anto kaj dum li tre bon'humore amuz'iĝas, li certe ne rimarkas, kiom multe li lernas.

### ☺ Lernolibro plena de bon'humoro

La ekzercoj preskaŭ ĉiam amarigas[12] la lingvo-lern'adon, sed ne ĉe *Stefan MacGill,* kies ekzercoj alportas novajn, ne tedajn[13] tra-viv-aĵojn. Mi forte rekomendas ĝian uz'adon al ĉiu instruisto, kiu volas konservi siajn kurs'anojn. Ĉar la libro estas unu-lingva, ĝi estas uzebla en ĉiu ajn angulo de Esperant'ujo.

Por doni al vi iom da gust'um'aĵo, tra-studu la sekvan el-tir'aĵon de la paĝo 39 (la originalo havas du-oblan paĝo-mezuron: A/4). Vidu ĝin sur la sekva paĝo.

*Geza* KURUCZ

**1. tendo: dom'eto el tolo / 2. revizii: ree ekzameni por pli-bon'igi / 3. tute taŭga, preskaŭ sen-erara / 4. konvinki: igi iun certa pri io / 5. maniero, laŭ kiu oni instruas, trans-donas informojn / 6. verk'into de libro / 7. homo, kiu faras gazeton / 8. trono: reĝa seĝo / 9. situacio: kondiĉ'aro en kiu oni trov'iĝas / 10. mejlo: unuo de longo, 1300 metroj / 11. ilustri: bild'igi okaz'aĵon / 12. amara: mal-dolĉa / 13. lac'iga.**

## 35. *Kiom da saŭco?*

Por la vespermanĝo hodiaŭ, la tendaranoj manĝas fiŝojn.




KIOM DA?
IOM DA
TIOM DA
ĈIOM
NENIOM

Luiĝo prenas la botelon. En la botelo estas saŭco, sed la botelo ne estas plena. En ĝi estas IOM DA saŭco. Li ne scias precize KIOM DA saŭco estas en la botelo. Li estas en manĝejo, ne scienca laboratorio. Li volas ricevi IOM DA saŭco por la fiŝo.




Li skuetas la botelon. Senrezulte.
Li skuas la botelon. NENIOM venas.
Li skuegas la botelon.
Ankoraŭ venas NENIOM!

Li batetas la botelon. NENIOM elvenas.
Li batas la botelon. Li ricevas NENIOM.
Li bategas la botelon.



Li ricevas ĈIOM!

### *Kiom da...?*

***Skribu la respondojn per ciferoj en la kestoj sube. Kiun eventon ili indikas?***



1. Kiom da homoj en paro?
2. Kiom da kruroj havas insekto?
3. Sep plus naŭ minus dudek plus kvar.
4. Kiom da tagoj en semajno?
5. Kiom da kapoj havas homo?
6. Kiom da kruroj havas araneo?
7. Kiom da tentakloj havas polpo?
8. Tridek ok minus dek kvin minus dek ses.

□□ □□ □□□□

## LA TEORIO DE RELATIVECO

### NUR




DU BISKVITOJ!!
Karlo imagas du biskvitojn.
Karlo ricevas du biskvitojn.
Karlo estas kontenta.
Du biskvitoj sufiĉas.
Realo kaj imago egalas.




*NUR* DU BISKVITOJ!!??!
La urso imagas dek biskvitojn.
Ĝi ricevas du biskvitojn.
Ĝi ricevas NUR du biskvitojn.
La urso estas malkontenta.
Du biskvitoj ne sufiĉas.
Du biskvitoj estas maltro.
Devas esti pli.
La imago estis pli ol la realo.

VE!! DU BISKVITOJ!
La formiko imagas du biskvit-er-ojn.
Li ricevas du biskvitojn.
La formiko estas malkontenta.
Du biskvitoj pli ol sufiĉas.
Du biskvitoj estas tro.
Devas esti malpli.
La imago estis malpli ol la realo.




1. Kiom da biskvitoj vi imagas?
2. Ĉu du biskvitoj sufiĉas por vi?
3. Ĉu devas esti pli aŭ malpli?
4. Ĉu dek biskvitoj estas tro por vi?
5. Ĉu vi povas manĝi pli da biskvitoj ol Karlo?
6. Ĉu vi povas manĝi pli da biskvitoj ol la urso?
7. Ĉu vi ŝatas NUR biskvitojn?
8. Ĉu vi ŝatas ĉokoladajn biskvitojn?
9. Ĉu vi ŝatas NUR ĉokoladajn biskvitojn?

# Por kurs'gvidantoj



Ĉu viaj lernantoj bone orientiĝas inter naciaj flagoj? Se ankoraŭ ne, invadu tiun terenon kaj vi tuj trov'iĝos en la najbareco de heraldiko, pri kiu aperis bona libro: „*Ilustrita vortaro pri heraldiko*" de *Nikolaj* STARODUBCEV, kun klarigoj en la rusa, ukraina, angla, franca, latina, germana lingvoj kaj en Esperanto (350 paĝoj). Mendebla ĉe la Libro-servo de UEA, 39 NLG.

Komencu per paroligaj ekzercoj pri simplaj flagoj kun nur unu koloro. Laŭ miaj scioj sole *Libio* posedas tian flagon, nome – verdan.

Poste igu viajn gelernantojn serĉi flagojn, sur kies unu-kolora fono troviĝas unu-elementa unukolora simbola figuro. Minimume ses nacioj havas tiajn flagojn, ekz. *Albanio* (du-kapa aglo sur ruĝa fono), *Somalio* (kvin-pinta stelo sur blua fono), *Japanio* (ruĝa disko sur blanka fono) ...

Poste vi povas aliri al plur'koloreco kaj plur'elementeco de simbol'figuroj. La simboliko de la flagoj esprimiĝas kaj pere de koloroj kaj pere de apartaj figuroj. Ili liveras sufiĉe da motivoj okupiĝi pri la historio respektive geografio de difinita lando aŭ en-profundiĝi en la mitologion, religion aŭ tradiciojn de certaj popoloj. Kaj "tute hazarde", dum preskaŭ normalaj Esperanto-lecionoj, oni ekscias ion, pri kio oni ĝis nun eventuale simple ne cerbumis:

Kian influon sur la homan vivon oni atribuas al specifaj bestoj videblaj sur la flagoj, ekz. de *Sri-Lanko* (leono), de *Martiniko* (serpentoj) aŭ de *Dominiko* (papago)?

Kiujn legendojn aŭ eĉ historiajn eventojn flustras al ni la astroj, prezentataj sur la flagoj ekz. de *Honduro*, *Nov-Zelando* aŭ *Irako* ?

La monda „flagaro" alportas praktike utiligeblajn *eksterlingvajn* sciojn, kiuj havas kvazaŭ naturan lokon nur en Esperanto, ĉar tutmondeco, intereso pri distingaj trajtoj de ĉiuj popoloj estas konsistiga parto de nia instruado.

Kaj nun lasu vin iomete provoki kaj provu respondi ne enrigardante flagotabelojn:

– Flagoj de kiuj ŝtatoj en Eŭropo prezentas krucon? Krucon de kiu koloro?

– Sur flagoj de kiuj ŝtatoj troviĝas lunarko? Lunarko kune kun kiom da astroj?

– Nomu la ŝtatojn, sur kies flagoj troviĝas interalie unu triangulo?

Kiel interpretus viaj gelernantoj la diversajn kolorojn sur flagoj? Kolektu la plej interesajn inventojn de la fantazio!

*Till* DAHLENBURG, *Germanio*



Ni ne donas piednotojn opiniante ke via vorttrezoro jam estas sufiĉe riĉa.

## La premio kaj ĝiaj sekvoj

Ni veturis per aŭtomobilo. Subite halt'igis nin du polic'istoj. Kun timeto mi demandis al mi: *„Ĉu mi faris eraron?"* Unu el la policistoj venis al ni kaj mi mallevis la fenestron: *„Kio estas?"*

Li flate[1] diris: *„Vi veturas ekzemplo-done, tial ni elektis vin por la hodiaŭa premio!"* Kion diri rapide? Sciu, ke mi malofte ŝoforas[2]. Poste li al-donis: *„Por kio vi uzos la premion: 1000 germanajn markojn?"*

Rapide mi povis respondi nenion krom ke: *„Nu, unue mi akiros la stir'ateston[3]."*

Mia edzino kaptis al la kapo kaj diris: *„Ne aŭskultu mian edzon! Estante ebria[4], li ĉiam diras stult'aĵojn!"*

Ŝanĝ'iĝis la vizaĝ'esprimo de la policisto. Rimarkis tion la alia, kaj nun ili ambaŭ gapis[5] al nia aŭto. Tio tim'igis la av'inon kaj ŝi ekkriis: *„Mi de-komence diris, ke ni ne longe veturos per ŝtel'ita aŭtomobilo!"*

Ni ĉiuj devis el-aŭt'iĝi. Ni staris en vico, eĉ nia surda avo, kiu tute ne komprenis la situacion[6], kaj demandis: *„Ĉu la policistoj jam trovis la narkot'aĵon[7], kiun vi metis en mian valizon?"*



Laŭ *Klaus-Dieter Albrecht* el *„Magdeburga folio"* (junio/97)

**1. kun troa deziro plaĉi / 2. konduki aŭtomobilon / 3. oficiala dokumento, kiu donas rajton konduki aŭtomobilon / 4. duon'konscia pro alkohol'aĵo / 5. rigard'aĉi / 6. kondiĉ'aro / 7. ebriiga aĵo far'ita el drog'herboj.**

*URSA FAMILIO*



© Esperanto Teachers' Associati

# URSA FAMILIO

Jen amuza kart'ludo (la originalaj 46 kartoj havas du-oblan mezuron ol la ĉi-sube prezent'itaj).

Klaraj tekstoj kaj koloraj desegn'aĵoj ekzercas la komenc'antojn demandi kaj respondi.

La kart'aro uzas bazajn vortojn pri koloroj, formoj, famili'anoj, bestoj, manĝ'aĵoj kaj lokoj. Krom la du-lingva (angla kaj Esperanta) priskribo de la ludo, ĉio estas nur en Esperanto. Ĝi estas, do, taŭga por **internacia uzo!**

Mendu la kartaron ĉe:

*Esperanto Teachers' Association*
*1 Regent Avenue,*
*Skipton*
*BD23 1AZ*
*North Yorkshire*
*Britio*
Ret'adreso: *Tellierd@bibip1.wgw.bt.co.uk*

Por fari ĝin vi bezonas mal-dikan kartonon[1], tuk'pinĉ'ilon[2] el ligno, gluon kaj felt-krajonojn[3] por kolorigi.

- *Du-foje desegnu kaj eltondu la fiŝ'konturon[4].*
- *Kolorigu ambaŭ fiŝojn.*
- *Gluu la kartonajn fiŝojn sur ambaŭ flankojn de la ligna tukpinĉilo.*

*Monique NOEL*

1. dika papero, el kiu oni faras skatolojn, ekzemple / 2. pinĉi: iujn partojn de objektoj aŭ korpoj firme kun-premi / 3. felto: dika materialo el kiu oni faras, ekzemple, ĉapelojn; ĝi troviĝas en la pinto de krajonoj / 4. lim'linio.

Bruno sidas sub la tablo en la manĝoĉambro. Li deziras ludi kun Arturo, sed ne povas, ĉar Arturo desegnas.
Bruno povas vidi:



paralelogramon

kaj ankaŭ
rozan cirklon
ruĝan rektangulon
flavan triangulon
verdan stelon
bluan kvadraton

Avino-urso estas en la banĉambro. Ŝi deziras bani bebo-urson.
Ŝi bezonas:



flavan anason

kaj ankaŭ
sapon
dentobroson
dentopaston
spegulon
vestaĵojn

Patrino-urso ne povas trovi la familian testudon.
Ŝi serĉas:



en la parko

kaj ankaŭ
en la dormoĉambroj
en la banĉambro
en la manĝoĉambro
en la ĝardeno
en la hundejo

Ursula ludas en la dormoĉambro kun du amikinoj. Ili volas rigardi ŝiajn lud-bestojn.
Ili vidas:



virhundon

kaj ankaŭ
grizan ĉevalidon
tri malgrandajn katidojn
elefanton kun longa nazo
maldikan leonon
nigran ŝafinon

# Fiŝeto-gardisto

La 1a de Aprilo en multaj landoj estas ŝerco-tago. En Francio, la infanoj el-tondas fiŝetojn el papero kaj kolorigas ilin. Poste, la 1an de Aprilo la infanoj gluas aŭ al-kroĉas ĉi tiujn fiŝetojn sur la dorson de amikoj ... eĉ de plenkresk'uloj ... eĉ de instruistoj ... se ili sukcesas tion fari!

Cetere, la fiŝeto estas ne nur ŝerco, sed povas servi kiel ĉarma kaj utila objekto. Ĝi zorge prem'tenos viajn respond'otajn leterojn aŭ aliajn gravajn paperfoliojn. *(Vd. paĝon 13.)*





**juna amiko**
aperas kvar-foje jare

**abon'prezoj por 1998**

*Tarifo-zono 1:*

| | 1-2 ekz. | 3-6 | 7< |
|---|---|---|---|
| NLG | 19 | 15 | 10 |
| SEK | 85 | 65 | 45 |
| FRF | 55 | 45 | 30 |
| GBP | 7 | 5.5 | 4 |
| DM | 17 | 13 | 9 |
| USD | 12 | 9 | 6 |
| AUD | 15 | 11 | 8 |

*Tarifo-zono 2: Latin'ameriko*

| | | | |
|---|---|---|---|
| NLG | 9 | 7 | 5 |
| USD | 6 | 4.5 | 3 |

*Tarifo-zono 3: Rusio, ktp.*

| | | | |
|---|---|---|---|
| DM | 6 | 4.5 | 3.5 |
| USD | 5 | 4 | 3 |
| NLG | 7 | 5.5 | 4 |
| HUF | 700 | 550 | 400 |
| IRK | 7 | 5 | 4 |

*Tarifo-zono 4: Najbaroj*

| | | | |
|---|---|---|---|
| DM | 4.5 | 3.5 | 2.5 |
| USD | 3.5 | 3 | 2 |
| NLG | 5 | 4 | 3 |
| HUF | 500 | 400 | 300 |
| IRK | 5 | 4 | 3 |

*Tarifo-zono 5: Hungario*

| | | | |
|---|---|---|---|
| HUF | 400 | 320 | 250 |

*Hungara peranto:*
Monika Molnár
Ságvári u. 21.
H-9735 CSEPREG

Pli ol 15 ekz. al unu adreso, petu pli grandan rabaton!

☺

**Pri problemoj de abonoj turnu vin al:**
**juna amiko**
Pf.193.
**H-1368 BUDAPEST**
Hungario

# Eĉ tio okazas

**ROLULOJ:** **MONIKA** (M), lernant'ino
**ANNA** (A), la patrino de Monika

M *(kuŝas kaj ĝemas).*

A *(venas en la ĉambron):* Monika! Monika! Kie ŝi nur estas? Jen, tie vi estas ja. Kio estas al vi?

M: Mi estas mal-sana.

A: Kio okazis al vi?

M: Trafis min nervo-ŝoko[1]. La aŭtobuso ...

A: ... veturis kontraŭ arbon!

M: Ne, ne, sed mi ne povas ...

A: ... nek mi povas el-teni daŭran balanc'adon[2]. Ĉu pro tio vi havas kap'doloron?

M: Ne! En la aŭtobuso mi falis rekte antaŭ la piedojn de iu mal-jun'ul'ino kaj ...

A: ... kaj tial vi ek-havis ŝokon. Sed pro kio vi falis?

M: Ĉar mi vidis, ke lernanto el nia lernejo cedis sian sid'lokon al maljunulino!



Laŭ *M. kaj H. Rothen* tradukis *Dieter* BERNDT

1. subita psika, anima impreso, traf'iĝo / 2. mov'adi ripete tien kaj reen.

# LINGVA DOKTORO[1]

## Ĉu EN aŭ SUR ?

H

### LOGIKO[2] KAJ ESPERANTO

Esperanto estas logika lingvo, tamen oni renkontas dubajn okazojn, precipe pro la influo[3] de la etnaj[4] lingvoj. Ni prenu kelkajn ekzemplojn.

### NENIA DUBO

*„**En** la glaso estas akvo."* Ĉi tie neniu dubas pri la prepozicio[5], ĉar kiam temas pri *tri-dimensia*[6] est'aĵo, en kies interno troviĝas io aŭ iu, oni povas uzi en nia lingvo nur la prepozicion ***en***, kvankam iuj etnaj lingvoj ne ĉiam uzas konsekvence[7] la saman gramatikan signon.

### DUBAJ OKAZOJ

Ia-foje la tri-dimensia strukturo[8] ne estas evidenta aŭ estas nur ŝajna. Pro tio nia lingvo-uzo ne estas unu'eca. Vidu, ekzemple, *„Brilas steloj en/sur la ĉielo."* aŭ *„Kiujn vi vidas en/sur la bildo?"* En ambaŭ okazoj mi rekomendas uzi la prepozicion *en*, ĉar kvankam la bildo teknike estas du-dimensia, tamen arte ĝi donas la iluzion[9] de tri-dimensia strukturo. Alia afero estas, kiam *„sur la bildo* iras muŝo", kiel ekzemple *„vidu sur paĝo 22."*

### SENCO-DIFERENCO

Kun kelkaj vortoj ambaŭ prepozicioj estas uz'ataj, sed ekzistas inter ili iom da senca diferenco: *„Mi iras, promenas, atendas ... **sur** la strato"*, sed: *„Mi loĝas **en** tiu ĉi strato." „Mi loĝas **sur** la strato"* signifus, ke mi estas sen-hejm'ulo. Aŭ: *„Li kuŝas **sur** lito."* Li ripozas vest'ita sen kovr'ilo. Post kiam li preparis sin por dormi oni diras: *„Li kuŝas **en** la lito"* (vidu: *en-lit'iĝi*).

### ŜAJNE NENIA DIFERENCO

Ofte du-dimensiaj lokoj (precipe ĉirkaŭ-bar'itaj aŭ kadr'itaj) povas havi kun si ambaŭ prepoziciojn: *en/sur* la korto, kampo (sed nur ***en*** la ĝardeno), herb'ejo, ktp. Mi preferas kaj rekomendas la prepozicion ***en***, ĉar ĝi neniam estigas mis-komprenon, dum ***sur*** povas ĉe pluraj homoj insiste[10] sub-streki la supraĵon de la tereno[11] *(Li sidas sur la korto)*. Mi preferas ***en*** ankaŭ pro tio, ke ĝi unu-ec'igus la lingvouzon, vidu: *en Azio ..., en Kanado ..., en Tokio ... .*

Kun vorto abstrakta[12] kiel ekzemple *merkato*[13] mi rekomendas al vi ne uzi la prepozicion *sur*, eĉ se jam tute ĝeneraliĝis la esprimo: *„sur la merkato"*, ĉar tio kreus escepton. Prenu prefere la prepozicion ***en*** kiel kun la vortoj *vivo, morto, feliĉo, ĝojo, timo* kaj aliaj.

Re-sume, en ĉiuj dubaj okazoj mi rekomendas al vi uzi la prepozicion ***en***.

*Geza KURUCZ*

**1. kurac'isto; 2. sobra pens'ado, konforma al ĝiaj leĝoj / 3. efiko sur iun aŭ ion / 4. etno: hom'grupo kun samaj lingvo, historio kaj kulturo / 5. vorto-speco kiel *en, sur, de, pri* ... / 6. korpo, kiu havas longon, larĝon, alton aŭ profundon / 7. ne havi escepto(j)n / 8. konstruo, kun-meto de elementoj / 9. sent- aŭ pens'eraroj / 10. neced'ante, daŭre postul-ante, forte / 11. ter'spaco / 12. ne-tuŝ'ebla, fizike ne ekzist'anta / 13. aĉet'kapablo de hom-grupo, bezon'ant'aro de iu varo.**

# Stranga gasto

**ROL'ULOJ:** KARLO (K), lernanto
EVA (E), sam'klas'ano
MARIA (M), fratino de Karlo

*(Ĉambro. KARLO pur'igas la fenestron per spongo*[1]*. Sen sonor'igi aŭ frapi ĉe la pordo, subite en-iras EVA.)*

E: Do, ĉi tie vi loĝas. Ĉu viaj gepatroj estas hejme?

K *(mal-rapide turnas sin al ŝi):* Ne, ili ne estas hejme. Sed, ĉu vi ne povas diri almenaŭ „Bonan tagon", se vi tiel subite venas en la ĉambron?

E: Bel'ega ĉambr'aĉo, ĉu via ejo? Vi purigas, do, la fenestron, ĉu? *(Ŝi prenas la spongon el lia mano.)* Belega spongo kaj kiel mal-seka! *(Ŝi ĵetas ĝin kontraŭ la muron.)*

K: Ĉu vi frenez'iĝis? Rigardu, kia makulo ek-estis sur la pura muro.

E: Nu, kaj kio okazis? Via patro certe re-kolor'igos la muron. Ho, kiajn malpurajn ŝuojn mi havas! *(Ŝi sid'iĝas ĉe la tablo kaj purigas siajn ŝuojn per la tablo-tuko.)* Kutime mi uzas kurtenojn[2], sed la fenestro estas iom mal-proksime.

K: Atendu, vi ... vi ... vi ... *(Li for-prenas la tablotukon de ŝi.)*



E: Rigardu, ĉu mi bone vidas? La tablo havas ja tute glatan platon! *(Ŝi el-tiras tranĉ'ilon el la poŝo kaj volas per ĝi difekti la tablo-platon.)*

K: Nun sufiĉas! Ĉu vi freneziĝis? Vi ja ne povas ... *(li pelas ŝin ĉirkaŭ la tablo).* Rapide for-lasu la ĉambron!

E: Nu, trankvi-trankvi[3], kar'ulo! Ĉu vi volas min el-ĵeti? Kie estas la gast'amo? *(Ili staras koleraj unu kontraŭ la alia.)*

K *(krias):* For-iru tuj, al diablo[4]!

M *(ŝtorme[5] eniras):* Kio okazas? Vi kri'aĉas, ke oni aŭdas tion tra la tuta strato!

K: Estas bone, ke vi venas, Manjo. Ŝajnas al mi, ke al Eva difekt'iĝis io en la kapo. Ŝi kuras en mian ĉambron, ĵetas la spongon kontraŭ la muron, purigas siajn ŝu'aĉojn per la tablotuko kaj nun ŝi volas difekti la tabloplaton.

M: Diru, Eva, ĉu vi sentas vin malsana?

E: Tute ne, mi estas san'ega.

M: Nun sufiĉas, Eva. Petu viajn gepatrojn klar'igi al vi, kia-maniere vi devas konduti, kiam vi estas gasto ĉe fremdaj homoj! Vi kondutas ja kiel ... kiel ...

E: *(montras al Karlo):* ... tiel same, kiel li kondutas ĉiu-tage en la lernejo!

Laŭ *M. kaj H. Rothen* tradukis *Dieter* BERNDT

1. truo-plena objekto uz'ata por pur'igi aŭ lavi / 2. fenestro-tuko / 3. mallongigo el la vortoj: trankvile (K. Kalocsay rekomendis ĝin por imiti ne-sekv'indan parolon) / 4. loĝ'anto de infero / 5. vent'ege rapide.

Novaĵoj

## • *Ekspozicio[1] „DE KORO AL KORO"*

*La pionira palaco[2] de* Krasnojarsk *(Siberio) havas 50 jarojn. En la palaco funkcias* Internacia Centro *(IC) kun Esperanto-klubo, kiun gvidas instruisto, s-ro* Valerij MALIHIN. *Li kaj* Natalia SURIKOVA, *estr'ino de IC informis nin, ke IC decidis okaz'igi, en marto 1998, internacian ekspozicion. Ili deziras montri leterojn, memor'aĵojn, pentr'aĵojn aŭ deseg'aĵojn, fotojn ... far'itajn de ekster-landaj amikoj. La plej belaj ekspozici'aĵoj estos premiitaj.*

*Cetere, la klub'anoj (11-16-jaraj geknaboj) deziras korespondi tut'monde. Sendu al ili ion belan, ekspozici'eblan. Ili, certe, estos tre dankaj al vi. Adreso:* S-ino Natalia Surikova, Internacia Centro, dvorec pionerov, ul. Konstitucii 1, RUS-660049 Krasnojarsk.

## • PASPORTA SERVO 1998 aperis!

La nova listo (164 paĝojn dika libro!) en-havas 871 adresojn el 75 landoj. La gast'ig'antoj estas pretaj loĝ'igi sen-page esperantistojn el diversaj landoj (ni baldaŭ informos detale pri la tuta gastiga servo). Ĉe UEA la libro kostas 24 NLG ( = nederlandajn guldenojn).

## Novaĵoj

- Antaŭ 95 jaroj estis fond'ita la Esperantista Klubo Praha (ĉef'urbo de Ĉeĥio). Pri la datre-veno memor'igis ankaŭ la Ĉeĥa Poŝto, kiu pli ol unu monaton uzis Esperant-lingvan afrankan maŝin'stamp'ilon (vidu ĝian foton!). Pliajn informojn donas *s-ro V. HASALA*.




Adreso: Esperanto, p.k. 36, CZ-696 62 Strážnice; ret'poŝte: <cea@net.cz>.

1. publika el-montro de io interesa / 2. bela konstru'aĵo por anoj de por-infana organiz'aĵo.

# Dank' al Esperanto

Esperanto estas interesa lingvo, la lingvo de amik'eco, la lingvo de neordinaraj homoj. En nia urbo, Odeso, str.[1] Gogol n-ro 5 funkcias Junul'ara Esperanto-Klubo "Verd'aĵo". Tie oni povas lerni ĉi tiun lingvon. Ankaŭ mi tie ekkonis ĝin.

Somere, du ge-lernantojn kaj nian instruistinon *Tatjana AUDERSKAJA* francaj esperantistoj invitis al sia tend'aro. Ni vivis en agrabla arbaro sur river'bordo dum tri plenaj semajnoj. En Francio ni kon'at'iĝis kun interesaj esperantistoj, ni kune aŭskultis lecionojn, esploris la naturon kaj la vivon de urboj, promenis en urb'etoj, kiuj troviĝas proksime de la tendaro. Ni boat'veturis[2] sur la rivero, vizitis malnovan, strangan kastelon[3].

La tempo flugis tre rapide, ĉar tie estis por ni tre agrable kaj interese, ni kolektis multajn belajn tra-viv'aĵojn en Esperanto-rondo.

Feliĉe, ni korespondas kun niaj bonaj amikoj kaj tiel ni de-nove rememoras pri nia gaja kaj interesa vojaĝo. Dank' al Esperanto ni akiris eternajn memor'aĵojn por la tuta vivo.

Pro ĉio ĉi ni aparte dankas al s-ro *Samuel GAILLARD* pro lia afabla invito al la tendaro.

*Katjuŝa MEHOVA* (14-jara knabino)

1. strato / 2. boato: sur-akva vetur'ilo por 2-3 personoj / 3. granda bela dom'ego.

En Rusio vivas verk'isto – *Grigorij Oster*, kiu multe verkas por infanoj. Kaj ĉar infanoj ofte faras tute male, ol diras al ili gepatroj kaj aliaj plenkreskaj homoj, *G. Oster* decidis helpi al infanoj. Li verkis aron da *"Malutilaj konsiloj"*, *"Malutilaj versoj"* k.t.p. (= kaj tiel plu), do *"Mal-umoj ..."*. Speciale por komput'ila[2] temo, li verkis serion da *"Mal-taskoj"*, kiujn mi proponas[3] solvi malgraŭ ilia ŝerca en-havo. Kiu solvos ĉiujn taskojn, tiu ricevos premion de *Gennadij Basov*, A/k 2289, Tomsk-55, RUS-634055, ret'adreso: <gbasov@hcei.tomsk.su> aŭ FIDO: <2:5005/ 42.4>.

# KOMPUTIKO[1]

**1** Sekretariino[4] Irina tre timas radi'adon de monitoro[5]. Protekta ekrano[6] mal-pliigas ĝin duoble. Kiom da protektaj ekranoj ŝi devas pend'igi, se ŝi decidis malpliigi la radiadon 32-oble?

**2** Sur disketo estis 2 malbonaj blokoj[7]. Post kiam Maŝeta ĵetis la disketon en supon kaj donis ĝin, por leki[8], al hamstro[9] Koljka, la malbonaj blokoj kvin-obl'iĝis. Kiom longe la patro serĉos sur la disketo kun tre gravaj informoj, ĝis li divenos, ke hamstro Koljka ne nur lekis la disketon?

**3** Sekretariino Irina sci'povas tajpi[10] „blinde" kaj decidis tajpi en „MS Word" kuir-libron, kiun ŝi pruntis de amikino. Ŝi tajpas kun rapid'eco de 240 literoj dum minuto. Ŝi konstante rigardas al la pordo, ne al la monitoro, tim'ante la en-iron de sia estro. Kiom da literoj ŝi devos re-tajpi kaj kiom da minutoj ŝi kuŝos en profunda sen-konscio, se post 2 horoj kaj 20 minutoj da tajp'ado ŝi rimarkis, ke ŝi forgesis ŝalti[11] la rusajn liter'tipojn[12]?

**4** Kas'ist'ino[13] Jenalviova sukcese finis kurson de komput'ado kaj komencis dis-doni salajrojn laŭ duuma sistemo: „Al tiu donas, al la sekva ne donas". Kiom da homoj ricevos salajron, se en-tute estas 666 labor'uloj?

1. scienco pri modernaj kalkul'maŝinoj / 2. kalkul'maŝino / 3. doni eblon por io / 4. help'ant'ino de estro / 5. vid'ebl'iga aparato / 6. plato, sur kiu vid'iĝas la rezulto de komputado / 7. mezur'unuo, laŭ kiu dateno en-skrib'iĝas sur magnetaj port'iloj / 8. per lango for-igi / 9. malgranda mam'besto kun grandaj vangoj / 10. maŝin'skribi / 11. funkciigi / 12. rusoj skribas per cirilaj literoj / 13. zorg'ist'ino pri mono.



Desegnaĵo de Elizabeta Bene

# interesaĵoj

Rubriko de Zolán KURUCZ

## HOMO, KIU TROVIS LA BLUAN BIRDON DE LA FELIĈO

**Maurice MAETERLINCK** (:Moris Meterlenk, 1862-1949)

Li sen-dube estis tre talenta[1] homo en kampoj de arto, scienco, tekniko, eĉ sporto, sed ne mal-pli grava estis la bon'ŝanco, kiu akompanis lian tutan vivon.

La flandro[2] MAETERLINCK verkis en la franca lingvo. Kelkaj komparis lin, sia-tempe, al SHAKESPEARE (:Ŝekspir). Lia belliteratura cefverko estas *„La blua birdo"*. Li estis sam'tempe prefer'ata advokato[3], respekt'ata natur'scienc'ulo, havis pres'ejon kaj li mem presis sian unuan libron. Pro la sukcesoj multaj enviis[4] lin, kompreneble, precipe kiam lia kun-ul'ino fariĝis la plej favor'ata aktorino[5] de tiu tempo. Li ricevis literaturan Nobel-premion (1911) kaj en la unuaj Olimpiaj ludoj (1896) fariĝis ĉampiono[6] de rem'ado[7].

## Pri la poŝt'karto

*Stephan (:Ŝtefan), prusa[8] poŝta ĉef'konsil'isto proponis la unua el-doni poŝtkartojn sen koverto[9]. Tio okazis en la jaro 1865. Oni rifuzis lian proponon dir'ante: „Estas ne-dece[10] en-poŝt'igi privatajn mesaĝojn[11] sen koverto". Post kvar jaroj la mal-ced'aĵo real'iĝis[12] en la Aŭstra-Hungara Monarkio[13], kaj la ideo baldaŭ rikoltis grandegan sukceson ĉie en la tuta mondo. Post kelkaj jaroj aperis ankaŭ la bild'kartoj (unue kun flor'bukedoj[14]) kaj la unuaj kolekt'antoj.*



1. kreo-kapabla / 2. popolo en Belgio / 3. special'isto pri just'eco / 4. trovi ies sukceso(j)n troa(j) / 5. teatr'ist'ino / 6. premiito en sport'konkurso / 7. remi: movi akvo-vetur'ilon per ŝovel'il'forma ilo / 8. germana / 9. leterujo el papero / 10. deci: agi konforme al la moro, kutimoj / 11. sciigo al iu / 12. far'iĝi fakto / 13. ŝtat'formo kun unu reg'anto: la reĝo / 14. bela aranĝo de floroj.

**Atenton, infanoj!** En oktobro aperis ***La krokodileto***[1], kvaron'jara inter-nacia gazeto (formato[2] A/4) por la plej junaj esperantistoj. Ĝia redaktoro[3]: *Catherine* GIANGROSSI (1 rue Trarieux, FR-69003 Lyon, ret'adreso: pascal.lecaille @wanadoo.fr). El-donas ĝin JEFO (=Junulara Esperantista Franca Organizo). Ĝi estas plena de leg'ind'aĵoj por infanoj. Interes'atoj turnu sin al la redaktoro. Por doni gust'um'aĵon legu la fabelon, kiun ni prenis, ĉi-foje, el *La krokodileto.*



## Ĉiel'arko[4], la plej bela fiŝo de ĉiuj oceanoj[5]



*En la plej profundaj fundoj de la maro vivis la plej bela fiŝo de ĉiuj oceanoj. Ĝi nom'iĝis Ĉielarko. La ceteraj fiŝoj nomis ĝin tiel, ĉar ĝi havis la kolorojn de ĉielarko. Ĉiuj admiris[6] ĝiajn skvamojn[7], kiuj bril'egis kiel splitoj[8] de diamantoj[9]. Ĉiuj deziris havi almenaŭ unu el la skvamoj.*

*Iun tagon, malgranda blua fiŝo petis Ĉielarkon donaci al ĝi unu el siaj skvamoj, sed Ĉielarko rifuzis doni. Ĝi eĉ frapis per la vosto sur la naĝ'ilon de la malfeliĉa fiŝeto, kiu fuĝis[10] kaj rakontis sian malfeliĉon al la aliaj.*

*Poste neniu venis al Ĉielarko, kiu fariĝis pli kaj pli malfeliĉa kaj sola.*

*Oktopus, la polpo[11], vidante ĝin tiel malfeliĉa, konsilis al ĝi doni al ĉiu fiŝo unu el siaj skvamoj. Ĉielarko akceptis la konsilon kaj dis-donacis ĉiujn skvamojn krom unu, kiun ĝi konservis por si mem.*



*Komence estis por ĝi tre malfacile, sed poste, kiam ĝi vidis, ke la aliaj fiŝoj estas feliĉaj kaj belaj, ankaŭ ĝi iĝis tre feliĉa. Ĉiun posttag'mezon, ĝi renkontas siajn amikojn kaj dancas, ludas kun ili. Estas festoj en la oceanoj.*

*Ĉielarko ne plu estas, do, la plej bela fiŝo de ĉiuj oceanoj, sed ĝi estas la plej feliĉa fiŝo, sen-dube!*

1. akvo-besto, vidu la apudan desegn'aĵon / 2. mezuro de paper'folio / 3. homo kiu faras gazeton / 4. mult'kolora vid'aĵo en sun'brila ĉielo post pluvo / 5. la plej vastaj akvaj vast'aĵoj de Tero / 6. el-vokas plaĉon per bel'eco / 7. mon'ero-formaj kovr'iloj ĉe multaj fiŝoj / 8. eroj / 9. tra-videbla valora juvel'ŝtono / 10. for-kuris por sin savi / 11. akvobesto, vidu la desegnaĵon.

# Enigmo[1]

Rubriko[2] de Tatjana Auderskaja
Postrestante, UA-270001 ODESSA-1, Ukrainio

**Finnaj enigmoj kaj sprit'aĵoj[3] send'itaj de Raita Pyhälä**

1. Movu unu glason tiel, ke sin-sekve ĉiu dua glaso estu plena kaj la interaj estu malplenaj.



2. Metu la ciferojn 1-7 en la kvadrat'aron tiel, ke la sin-sekvaj numeroj neniam troviĝu unu *apud* la alia, nek unu *sur* aŭ *sub* la alia, nek *diagonale*[4]. (Vidu sube!)
3. Dividu la terenon[5] en kvar identajn[6] bien'etojn! (Vidu sube!)
4. Kiom aĝa estas la ĉi-apuda viro?



5. For-prenu 6 alumetojn, tiel ke restu nur 3 kvadratoj! (Vidu sube!)
6. Kio diferenc'igas serpenton de pulo[7]?
7. Unu briko pezas 2 kg kaj duonon de briko. Kiom pezas 2 brikoj?
8. Se la dek-duo konsistas el 12 unu-markaj mon'eroj, kiom da 50-peniaj moneroj estas bezonaj por fari dek-duon? (1 marko = 100 penioj; finnaj moneroj)
9. Morgaŭ ne estos dimanĉo. Post-morgaŭ ne estos sabato. Antaŭ-hieraŭ ne estis merkredo. Hodiaŭ estas nek la tago antaŭ ĵaŭdo, nek tiu post lundo. Hieraŭ ne estis dimanĉo. Kiu tago estas hodiaŭ?
10. El malantaŭ hotela pordo polic'isto aŭdis krion: *"Georgo, ne mort'igu!"* La polic-isto puŝ'malfermis la pordon kaj tuj arestis[8] la murd'onton[9]. Kiel li sciis, kiu estas la koncern'ulo, kvankam en la ĉambro troviĝis 6 personoj krom la kriint'ino?



*Tasko 2*



*Tasko 3*



*Tasko 5*

**Post la lim'dato (septembra n-ro, 1997) al-venis novaj ĝustaj solvoj:** *Elmir Dos Santos Lima* (Brazilo), *Alina Sokól* (Pollando), *Michel Nkwiriye* (Tanzanio), *Andrea Lakos, Eszter Gyetvai, Melinda Szaniszló, Andrea Hozak, Sanela Zakić* (ĉiuj el Jugoslavio). Ni varm'kore gratulas al ili. Dankon!

1. malfacile solv'ebla tasko / 2. aparta parto de gazeto por iu temo / 3. pens'iga ŝerca tasko / 4. rekto, kiu ligas pintojn kontraŭ-sid'antajn / 5. lim'ig'ita ter'spaco / 6. sam'formaj kaj samgrandaj / 7. nigra malgranda fi-insekto kiu lerte saltas / 8. kapti iun kaj ne lasi lin for-iri / 9. murdi: intence mort'igi.

● Kvin 10-14-jaraj geknaboj deziras korespondi kun la tuta mondo pri ĉiuj temoj. Skribu al *David Bautas Giró,* Calle José M.Sanchez n° 84, Santo Domingo, Villa Clara, Kubo 53000

● Ok 12-14-jaraj knabino kaj ilia instruisto deziras korespondi pri diversaj temoj kun la tuta mondo. Skribu al la instruisto: *Valerij Malihin,* Infana Esperanto-klubo, Dvorec Pionirov, ul. Konstitucii 1, Krasnojarsk, RUS-660049, Rusio.

● La membroj de la Esperanto-klubo de Niĵnevartovsk (Siberio) serĉas leter'amikojn el la tuta mondo. Skribu al la prezidanto: *I. Ŝuvajev,* str. 60 let Oktjabrja 6-135, RUS-626440 Niĵnevartovsk, Siberio, Rusio.

● Du 16-jaraj junulinoj serĉas plum'amikojn en la tuta mondo. Skribu al: *Živile Žičkute,* Raudondvario pl. 228-6, LIT-3021 Kaunas, Litovio.

● Du 14-jaraj knabinoj deziras korespondi pri diversaj temoj kun ĉiuj landoj.




Respondo garantiita. Adreso: *Agne Lapinskaite,* Aido 17, LIT-3032 Kaunas, Litovio.

● Tri 12-jaraj knaboj deziras korespondi tut'monde. Skribu al ilia instruisto: *José de J. Campos Pacheco,* calle 10 % 29 y 31 piso 3, apt F-6 escl 2908, Pedro Betancourt-Mantanzas, Kubo-42700.

● Klaso de 8-9-jaraj geknaboj deziras kolektive korespondi kun simil'aĝaj klasoj aŭ kluboj el la tuta mondo. Adreso: *Ecole Publique,* FR-24210 Limeyrat, Francio.

**Ni preferas aperigi adresojn de junaj legantoj kaj iliaj instruistoj.**

De tempo al tempo vizitu nian hejm'paĝon: **http.//w3.datanet.hu/~bjg/esperanto**

**juna amiko**

Internacia Esperanto-Revuo de ILEI por lernejanoj kaj komencantoj

25-a jaro, n-ro 1 (84), 1998

Aperas 4 fojojn jare.

Redaktoro: *Géza Kurucz* (Hitel u.10.fszt.16, H-6000 Kecskemét, Hungario)

Ret'adreso: suli267@szeged.sulinet.hu

Abona adreso: Juna amiko, Pf. 193, H-1368 Budapest, Hungario

Eldonanto: ILEI, Södra Rörum 455, S-24294 Hörby, Svedio

Lingva revizipanto: *André Albault* (Francio)

Kunlaborantoj: *Tatjana Auderskaja* (Ukrainio), *Lisbet* kaj *Bertil Andreasson* (Svedio), *Stefan MacGill* (Hungario), *s-ino Raita Pyhälä* (Finnlando), *s-ino Monique Noël* (Francio), *s-ino Jennifer Bishop* (Aŭstralio), *Baldur Ragnarsson* (Islando), *Gennadij Basov* (Rusio), *Brandhyl Mezini* (Albanio), *Till Dahlenburg* (Germanio), *Rinzo Okumura* (Japanio), *Pekim Tenorio Vaz* (Brazilo), *Zoltán Kurucz* (Hungario); *Dieter Berndt* (Germanio); *Melinda Sántha, Monika Molnár* (Hungario), *Pavel Rak* (Ĉeĥio) grafikistoj

Farita en Presejo Saluton

Fényes Adolf u. 19-21., H-1036 BUDAPEST, Hungario

**ISSN 0230 1314**

98/1



Kio est'iĝas, kiam du miriapodoj[1] inter-brak'umas? — Zipo[2].



La interno estas danĝera, la ekstero — sen-danĝera kaj en somero — tre varma. Kio estas tio? — Lupo[3] en ŝafopelto[4].

• • •

***Kiel disting'iĝas[5] sovaĝa[6] kaj dres'ita[7] bestoj? — Dresita manĝas el la mano, sovaĝa manĝas la manon.***

• • •

*Fiŝ'isto lu'donis rem'boaton[8] al feri'antoj[9]. La najbaro mal-trankvil-iĝis: „Lu'igi tiun boat'aĉon estas granda risko[10]!"*

*„Tute ne," respondis la fiŝisto, „mi ĉiam postulas antaŭe pagi."*




• • •

1. insekto kun multegaj piedoj / 2. fulmo-ferm'ilo / 3. hundo-simila arbara sovaĝ'besto / 4. varma vintra vesto el felo / 5. konstati diferencon / 6. ne milda, danĝera, ne hejm'ig'ita / 7. hejmigita / 8. remi: movi boaton per ŝovel'il'forma ilo; boato: ŝip'eto por 2-3 personoj / 9. ferio: liber'tempo /10. mal-cert'eco / 11. tia, ke ĝi vidas nur tre proksimajn objektojn / 12. akvo-besto kun fortikaj ŝirmiloj sur la dorso kaj ventro / 13. kap'ŝirm'ilo el metalo.




**humuro**
laŭ junaj finnoj